# Etnismo

N-ro 96 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 31.12.2015




# Ĉe la german-pola landlimo, la germana, la pola kaj la soraba ...

# EN TIU ĈI NUMERO:



**Foto sur la kovrilpaĝo:**
Strattabulo dulingva en la landlima urbo *Bautzen/Budyšin.*
Fotis: *Kimura Goro Christoph.*


**Informilo pri etnaj problemoj**
La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj** (**IKEL**) ricevas *Etnismo*-n sen krompago, normale 2 kajerojn de minimume 36 paĝoj. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5 € (inkluzive de la afranko). La artikoloj publicitaj en *Etnismo* ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "**IKEL-Informilo**" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.


**ESTRARO:**


**PREZIDANTO: Alain FAVRE** (savojano),
Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171,
FR-74140 Chens-sur-Léman, tel: ++ 33 (0)682 09 38 45,
retadreso: afavre1@hotmail.com;
TTT-ejo: ewww.etnismo.org

**VICPREZIDANTO KAJ REDAKTISTO:**
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino),
ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel: ++ 41 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch

**SEKRETARIO: Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
48 postakutxa. 20400 Tolosa. Gipuzkoa. Eŭskio/EH
tel: ++ 34 630 44 68 63,
retadreso: fokomelo.makolji@gmail.com

**KASISTO: Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko),
Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz
Euskal Herria-Eŭskio
retadreso: xabirico@outlook.com

**RILATOJ KUN ESPERANTO-GAZETOJ. REVIZIADO:**
**István ERTL** (hungaro), 22, rue Faulfiels
LU-7355 Helmdange, Luksemburgio,
tel. ++ 352 2633-2659, retadreso: istvan.ertl@gmail.com

**ESTRARANO:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), Mir pr. 15-55, RU-428024
Shupashkar, Ĉuvaŝio, Rusia Federacio
retadreso: h.alos@esperanto.cat

**DUA REVIZIANTO (ekster-komitata):** Nancy Fontannaz.


**KOTIZOJ KAJ KONTOJ:**

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ "tria-monda" lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj kontoj de:
**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**
(Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  BLZ 370 10050 IBAN:
  DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  IBAN: SE9595000099604200743740,
  SWIFT **NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku "**ikel-y**" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certiĝi, ke via kompleta kotizo alvenu al la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

Eblas reklami en *Etnismo*!
Anonctarifo: (EUR): 1 p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6, 15.

**Venonta redaktolimdato:**
**31-an de marto 2016**

# ELDONISTA LETERO

# Solidareco kaj ŝtatnaciismo

En unu el la lastaj numeroj de ***Etnismo*** mi tuŝis la problemon de "separatismo", tio estas kreo de nova ŝtato ekde parto de alia, kiel okazis antaŭnelonge, kaj en tiu kazo ne tre sukcese, en Sudano: Sud-Sudano ege rapide fariĝis militkampo kun tre multaj civilaj viktimoj. Sed ni facile povas trovi ekzemplojn, kie tiu procezo okazis tute pace. Eĉ en la nuna Eŭropa Unio, kiu ŝajnas politike stabiliĝinta, tia tendenco plu ekzistas. Lastjare skotoj voĉdonis kaj plimulte decidis resti en Britio, sed la separatisma partio *SNP* tute ne malfortiĝis pro tio, eĉ male. En Flandrio kaj Katalunio, la emo sendependiĝi restas tre forta. En la dua el tiuj landoj balotado ĵusa favoris la sendependismajn partiojn, plimultajn nun en la regionaj instancoj, kvankam ili reprezentas iom malpli ol 50 % de la voĉdonintoj. Post tio ŝajnas, ke akra lukto komenciĝis inter la Generalitato kaj la centra registaro en Madrido.

Plejmulte la amaskomunikiloj emas senapelacie kondamni tiun emon sendependiĝi. Jen la (deklarita) kialo: tiuj partioj rifuzas solidarecon kun la resto de la lando, ili volas izoliĝi de siaj samnacianoj. Ofte temas pri riĉaj regionoj, kiuj ne emus helpi la malpli favoratajn kaj preferus konservi la sumojn rikoltitajn per la impostoj de la regionanoj por financi investojn kaj aktivadojn nur en la regiono mem. Al tia argumentado, kiu ŝajne sukcesas konvinki multajn, oni povus respondi jene:

- la rajto  je memdeterminado de popoloj estas tute respektinda ; estas ja facile decidi, ke en iu ŝtato povas vivi nur iu popolo aŭ etno, sed tio ne funkcias. Flandro rajtas senti sin ne belgo, identeco inventita en kelkaj tagoj post insurekcio (kaj al kiu oni elektis doni nomon de antikva, malbone konata gento, kies teritorio malfacile kongruas kun tiu de la nuna Belgio, dum Flandrio ekzistas de longe kaj estas bone identigita). Same kurdo rajtas sin konsideri ne turko.

- ene de iu ŝtato la financaj fluoj ne nepre iras, se tiel diri, al la ĝusta loko. Kvankam ili devus favori la disvolviĝon de pli malriĉaj partoj, ili ofte direktiĝas al alies poŝoj, ekzemple mafiulaj. Aŭ ili favoras la ĉefurbon: pro plurjarcenta centralizismo Londono kaj Parizo iĝis riĉaj, brilaj ĉefurboj, lasante en malfacilo grandajn partojn de sia lando. Pri tio la kulturaj elituloj ĉefurbaj preferas tute ne konsciigi la loĝantaron, tiom pli, ke ili mem prosperas per tiu procezo.

- la tiel nomataj separatistoj tute ne emas vivi en fermitaj ŝtatoj, kiujn ili kreus por si mem. Temas pri popoloj de landlimoj, ĉiuj plurlingvaj, kiuj pretas krei rilatojn translimen. Kaj la jam ekzistantaj etaj ŝtatoj ne estas la plej fermitaj: dum Francio estas oficiale unulingva – kaj legu pri tio ankaŭ en la koncizaĵoj de tiu ĉi numero –, la eta Luksemburgio sukcesas funkcii per tri oficialaj lingvoj (kio ne signifas, ke tiu landeto estas admirinda ĉiurilate, sed tio tuŝas alian temon).

Solidareco ja necesas, sed mi dubas, ĉu kadre de naciŝtato ĝi vere povas funkcii. Finfine nur super-, eĉ transnaciaj organizaĵoj (iuj NRO-j aparte) ŝajnas esti pli kredindaj modeloj por ĝin reale efektivigi.

***Alain Favre***

*KIMURA Goro Christoph (Sophia*-Universitato)

# "DETERITORIIĜO" ĈE LA GERMAN-POLA LANDLIMA REGIONO

## kaj ĝia signifo por la malplimulta soraba lingvo: el vidpunkto de lingva pejzaĝo (1)

La nuna german-pola landlimo ekestis en 1945 kiel klara lingva limo sen lingva kontinueco kaj historia dulingveco. Sed en la lastaj jaroj, precipe post la eniro de Pollando al Eŭropa Unio (2004), rapide evoluis reciprokaj kontaktoj. En tiu procezo la pola lingvo estas pli kaj pli uzata ankaŭ en la germana flanko, kaj la germana en la pola flanko. Ĉi tiu artikolo unue montras tiajn tendencojn el la vidpunkto de la lingva pejzaĝo kaj traktas ĉu eblas paroli pri "deteritoriiĝo" de la germana kaj pola lingvoj. Sekve ĝi pritraktas la implicon de tia ĉelandlima deteritoriiĝo al la soraba lingvo, slava malplimulta lingvo en orienta Germanujo, por ekzameni kiamaniere deteritoriiĝo influas la perspektivon de malplimulta lingvo. La analizo montras, ke el la vidpunkto de la lingva pejzaĝo la german-pola landlima regiono ne plu konsistas el strikte unulingvaj teritorioj. La pliiĝanta praktika utileco de najbaraj slavaj lingvoj povus instigi al translimcela uzo de la soraba. Tia "ponta" funkcio principe aplikeblas ankaŭ rilate al aliaj malplimultaj lingvoj, kiuj ne malofte situas ĉe malcentroj de ŝtatoj.

### ENKONDUKO

Tiu ĉi prezentaĵo estis buŝtradukata de ne-teritoria lingvo (Esperanto) al lingvo kun forta teritorieco (kataluna). Kongrue kun tiu lingva aspekto, mi volas pripensi pri la rilato inter deteritorieco kaj teritorieco, precipe pri la influo de la antaŭa al la lasta.

En la nuna epoko de tutmondiĝo oni ofte parolas pri la plifortiĝo de internacia lingvo, la angla. Sed la pliintensiĝo de transnaciaj rilatoj kondukis ankaŭ al pli ofta kontakto inter najbaraj lingvoj. Tio videblas ankaŭ je la lingva pejzaĝo en Tokio, kie apud la nacia japana kaj la internacia angla ankaŭ ne plu raras la uzo de najbaraj lingvoj, la ĉina kaj korea.




Aliflanke, klopodoj por revivigi malpli-multajn lingvojn okazas ankaŭ en diversaj lokoj tra la mondo. En Japanio ekzemple estas movado por revivigi la ajnuan lingvon, de la ajnuoj tradicie loĝantaj en la norda insulo Hokkaido. Sed en Japanio malplimultaj lingvoj apenaŭ videblas publike.

Hodiaŭ mi parolos tamen ne pri Japanio sed pri Meza Eŭropo, kie mi pasigis la lastan jaron por esplori la lingvan situacion ĉe la german-pola landlimo. Unue ni pripensu pri la signifo de lingva pejzaĝo por lingva teritorieco. Sekve ni rigardu la lingvan situacion ĉe la german-pola landlima regiono kaj precipe tendencojn, kiujn oni povus interpreti kiel deteritoriiĝon. Poste, ni rigardos la rilaton inter tia ĉelandlima deteritoriiĝo kaj la teritorieco de la soraba lingvo, por ekzameni kiamaniere la deteritoriiĝo influas la perspektivon de malplimulta lingvo.




**Ĉi tiu foto montras eble la solan publikan bonvenŝildon en la ajnua lingvo en la regiono de Tokio: ĉe enirejo de publika akvario la birdo *tufa fraterkulo*, kiu loĝas en Japanio nur en Hokkaido kaj estas japanlingve nomata laŭ la ajnua nomo *etupirka*, bonvenigas vizitantojn en la ajnua lingvo.**

## 1. LINGVA PEJZAĜO KAJ TERITORIECO

En artikolo rigardata kiel unu el la bazaj kaj ekaj kontribuoj al la esploro de lingva pejzaĝo, *Landry* kaj *Bourhis* (1997) p. 25, oni faras jenan difinon:

La lingvo de publikaj vojsignoj, reklampaneloj, stratnomoj, loknomoj, komercaj vendejosignoj kaj publikaj signoj de registaraj konstruaĵoj kune konsistigas la lingvan pejzaĝon de iu teritorio, regiono aŭ urbaro. (2)

Laŭ ili, lingva pejzaĝo havas du bazajn funkciojn. Unu estas la informa funkcio, nome ĝi informas pri la lingva situacio en la teritorio. La alia estas la simbola funkcio, nome, prezentante diversajn lingvojn publike, ĝi kontribuas al la socia identeco de la lingvaj grupoj. La unuan oni povus kompreni tiel, ke ĝi (rekte aŭ nerekte) lingvan situacion **spegulas**, kaj la duan tiel ke ĝi mem estas parto de la lingva situacio kaj la lingvan identecon **kunkreas**.

La signifo de lingva pejzaĝo estas pli kaj pli agnoskata en la lastaj jaroj, tiel ke ĝi iĝis aparta esplorkampo en kaj ekster socilingvistiko (*Shohamy* & *Gorter* 2009). Sed kiel ĝi rilatas al teritorieco? Mi devas konfesi, ke mi elektis lingvan pejzaĝon kiel temon i.a. ĉar, ne scipovante la katalunan nek alian latinidan lingvon, mi esperis ke fotoj povos kompensi mian lingvan deficiton. Sed ne nur tial. Por nia temo "teritorieco", lingva pejzaĝo aparte gravas, ĉar ĝi rekte ligas lingvon al loko. Kiel *Backhaus* (2007, p. 55) konstatas:

«*The linguistic landscape is the focal point of two of the most essential markers of ethnic identity, language and place.*» [La lingva pejzaĝo estas la fokusa punkto de du el la plej esencaj markaĵoj de etna identeco, nome lingvo kaj loko.]

Laŭ la supre menciita duobla funkcio, lingva pejzaĝo unuflanke spegulas la teritoriecon de lingvo kaj aliflanke kunkreas ĝin. Ni do povas kompreni lingvan pejzaĝon kiel **indikilon** kaj **konstrueron** de lingva teritorio.




Rilate al teritorieco, la ekira demando de tiu ĉi prezentaĵo estas: Kio okazas al lingva teritorieco en epoko de relativigo de unulingvismaj naciŝtatoj? En Eŭropo ni konstatas unuflanke antaŭeniron de eŭropa integriĝo kadre de tutmondiĝo. Ĉu tio kondukas al deteritoriiĝo? Aliflanke la agnosko de lingvaj rajtoj de tradiciaj malplimultoj ofte inkluzivas agnoskon de ilia teritorio. Ĉu tio signifas fortigon de teritorieco? Kiel fakte rilatas deteritoriiĝo kun teritorieco? Kaj kian influon havas la deteritoriiĝo al regionaj lingvoj? Ni vidu tion ekzemple de la german-pola landlimo.

## 2. LINGVA SITUACIO ĈE LA GERMAN-POLA LANDLIMA REGIONO

La german-pola landlimo, la tiel nomata "Odro-Niso-limo", estiĝis post la Dua Mondmilito kiel unu el la plej akraj lingvaj limoj en Eŭropo. Subite ekestinte pro politikaj kialoj en 1945, ĝi havas nek lingvan kontinuecon nek historian dulingvecon. Antaŭe ambaŭ flankoj de la riveroj Oder kaj Neisse apartenis al Germanio kaj germanoj loĝis en ambaŭ flankoj de la riveroj. Sed ĉirkaŭ 1945 germanoj fuĝis aŭ estis forpelitaj de la teritorio cedota/cedita al Pollando. Kaj polaj loĝantoj nove alvenis precipe el okcidentaj partoj de Pollando nun ceditaj al Sovetunio. Tiel estiĝis tiu speciala lingva limo, kiu klare dividis ĝermanan kaj slavan lingvajn teritoriojn. Tamen ekzistas slava malplimulto ĉe la germana flanko, la Soraboj kiuj loĝas tie ekde la 6a jarcento. Jam pli ol mil jarojn ili vivas ĉirkaŭataj de germanoj. Tiun situacion oni ofte komparis kun insulo. Sed fakte en tiu "insulo" hodiaŭ loĝas ankaŭ germanoj, tiel ke ĝi estas dulingva. Do oni povas distingi tri lingvajn teritoriojn ĉe la landlimo, kiuj estas: du unulingvaj teritorioj, la germana kaj pola, kaj unu dulingva teritorio, la german-soraba regiono.

Post la falo de la fera kurteno okazis kelkaj ŝanĝoj signifaj por la regiono. En 1990, unu monaton post la unuiĝo de la du germanaj ŝtatoj, Federacia Respubliko Germanio finfine definitive per kontrakto kun Pollando agnoskis la landlimon. Sed la limo nun iĝis orienta limo de Eŭropa Unio kaj estis gardita kiel tia. Tiu situacio ŝanĝiĝis kiam Pollando aliĝis al Eŭropa Unio en 2004 kaj 2007 al *Ŝengen*-ejo. Ekde 2011 oni povas libere moviĝi por akiri laboron.

## 3. DETERITORIIĜAJ TENDENCOJ

Por vidi, kion tiuj ŝanĝoj signifas por la landlima regiono, ni detale rigardu la lingvan pejzaĝon en *Frankfurt an der Oder* kaj *Słubice*, najbaraj urboj ĉe la landlimo. Frankfurto (loka esperantisto nomas ĝin Frankfurteto) estas urbo ĉe la germana flanko kun ĉ. 58 000 loĝantoj, *Słubice* trans la rivero estas pola urbeto kun ĉ. 12 000 loĝantoj. Ĝis



*Frankfurt (O).*



*Słubice.*

1945 *Słubice* estis parto de Frankfurto. En la lastaj jaroj la kunlaboro kaj transnacia, fakte transrivera kontakto pli kaj pli intensiĝis. En 2012, kiam mi loĝis tie, oni malkonstruis la kontrolejon ĉe la ponto. Nun la ponto ankaŭ laŭaspekte estas simpla ponto. Malfacilas rimarki kie estas la limo. Simbole por reciproka proksimiĝo estas, ke la du urboj decidis en 2012 pri komuna simbolmarko por uzi en oficialaj dokumentoj kaj afiŝoj. Ĝia uzo sur publikaj spacoj spegulas la kunlaboron kaj samtempe celas fortigi la komunan identecon de ambaŭflankaj urbanoj.




Nun ni iomete promenu tra la du urboj kaj rigardu la lingvan pejzaĝon. Ni povas distingi inter oficialaj, komercaj kaj aliaj privataj signoj. Je oficialaj signoj ni povas facile konstati principan du-(kaj parte mult-) lingvecon. Ĉi tie klare temas pri urba politiko. Je komercaj signoj ni trovas sporadan dulingvecon. La pola ne estas regule uzata, tamen povas esti aldona lingvo. Je privataj signoj estas rimarkinde, ke hazarde troveblas polaj enskriboj en parkoj kaj aliaj lokoj. Tio indikas ke poloj vivas aŭ almenaŭ aktivas en la urbo.

Ankaŭ en *Słubice* oficialaj signoj estas regule dulingvaj kun la germana. Komercaj signoj estas, malsame ol en Frankfurto, eĉ normale dulingvaj, parte eĉ la germana dominas. Tio certe spegulas la pli fortan ekonomian povon de la germanoj. Privatajn, nekomercajn germanlingvajn signojn mi ne povis trovi en *Słubice*. Tio kongruas ankaŭ kun mia sperto tiea, ke estas poloj kiuj vivas en Frankfurto, sed apenaŭ Germanoj, kiuj daŭre vivas en *Słubice*.

Tiu trarigardo montras, ke kvankam parte nesimetrie, ambaŭ lingvoj jam estas normala parto de la lingva pejzaĝo je la alia flanko de la rivero. La lingva limo ne plu estas tiom strikta kiel oni kutime imagas pri tiu regiono, almenaŭ el la vidpunkto de lingva pejzaĝo.

## 4. TERITORIECO DE LA SORABA LINGVO

Kaj nun ni venas al la demando pri la soraba. Unue ni konstatu la signifon de la lingva pejzaĝo por la soraba. Laŭ *Landry* kaj *Borhis* (1997) ni povas diri, ke la publika dulingveco havas informan funkcion por marki la soraban teritorion kaj simbolan funkcion por la soraba identeco. Tial publika uzo de la soraba

| LINGVAJ PEJZAĜOJ KOMPARE | |
|---|---|
| *Frankfurt (O)* | *Słubice* |
| **Oficialaj signoj**<br>Principa du- (kaj parte tri-) lingveco<br><br>**Komercaj signoj**<br>Sporada dulingveco<br>(la pola kiel aldona lingvo) | **Oficialaj signoj**<br>Principa du- (kaj parte tri-) lingveco<br><br>**Komercaj signoj**<br>Normala dulingveco<br>(parte eĉ dominado de la germana) |
| **Parte (ne)simetria reciproka uzo -> deteritoriiĝo?** | |

# SERBSKE NOWINY

www.serbske-nowiny.de

FEBRUAR 2014 — MONATLICHE AUSGABE IN DEUTSCHER SPRACHE — JAHRGANG 24 · 0,50 EUR

TELEGRAMM

**Kontroverse Diskussion**
**Bautzen.** Ein Bericht der Sächsischen Zeitung über fehlende zweisprachige Beschilderung hat im Internet eine kontroverse Diskussion ausgelöst. In mehr als hundert Kommentaren wurde am 27. Januar den Sorben Integrationsunwille sowie Übertreibung vorgeworfen und sogar zur Gewalt aufgerufen. Die SZ hat den Beitrag und alle Kommentare mit der Begründung, dass eine sachliche Debatte nicht möglich sei, gelöscht.

**Sorbischunterricht in Dresden**
**Dresden.** Der Verein Stup dale – sorbische Kultur in Dresden hofft, dass an einer oder mehreren Grundschulen der sächsischen Landeshauptstadt bald Sorbischunterricht erteilt wird. Ein erstes offizielles Gespräch dazu gab es am 28. Januar 2013 mit der Leiterin der Regionalstelle der Sächsischen Bildungsagentur Dresden Anja Stephan.

**Briefe an Merkel und Gabriel**
**Bautzen.** Mehr als einhundert Persönlichkeiten des öffentlichen Lebens unterstützen die Briefe des Sorbischen Künstlerbundes an Bundeskanzlerin Angela Merkel (CDU) sowie Wirtschaftsminister Sigmar Gabriel (SPD). In ihnen wird auf die prekäre finanzielle sorbische Situation sowie auf die akute Bedrohung sorbischer Dörfer durch den Braunkohletagebau verwiesen. Auf Gabriels Antwort, an einem Dialog aus terminlichen Ver-

LANDTAG BRANDENBURG
... SEJM BRAMBORSK...

Das neue Landtagsgebäude in Potsdam ist zweisprachig beschriftet. Die Tafel wurde am 22. Januar durch die Domowina-Regionalsprecherin Ute Henschel, Landtagspräsident Gunter Fritsch (SPD), die Schülerinnen des Niedersorbischen Gymnasiums Jessica Kockel und Pauline Menz sowie Angela Schurmann vom Rat für sorbische/wendische Angelegenheiten (v.l.) enthüllt.

## Minderheitenrechte gestärkt

**Neues Brandenburger Sorben/Wenden-Gesetz tritt am 1. Juni in Kraft**

BLICKPUNKT

### Brandenburg – und wie weiter?

▪ Dr. Jürgen Rühmann

Das neue brandenburgische Sorben/Wenden-Gesetz bringt einige wesentliche Verbesserungen: Zunächst die Verbandsklagebefugnis für die Domowina. Damit kann auch dort, wo kein einzelner Sorbe/Wende rechtsbetroffen und klagebefugt ist, die Rechtmäßigkeit behördlicher Entscheidungen, die sorbische/wendische Belange berühren, gerichtlich überprüft werden. Weiter die künftige Direktwahl der Mitglieder des Rates für sorbische/wendische Angelegenheiten beim Landtag sowie die Schaffung eines Beauftragten der Landesregierung für Angelegenheiten der Sorben/Wenden, laut Koalitionsfraktionen im Range eines Staatssekretärs. Und vor allem – neben verschiedenen Maßnahmen im Bildungsbereich – die erstmalige verbindliche Festschreibung des angestammten sorbischen/wendischen Siedlungsgebietes.

Aber halt: In der Anlage zum Gesetz sind nur die „unstreitigen" Gemeinden bzw. Gemeindeteile genannt; die anderen Fälle können und müssen in den nächsten zwei Jahren auf Antrag durch ministerielle Einzelfallentscheidung geklärt werden. Keine optimale Regelung, zumal mit Blick auf die Verpflichtungen Branden-

**Inaŭguro de nova parlamentejo en la federacia lando Brandenburgio.**
***Serbske Nowiny*, germanlingva kromkajero, februaro 2014.**

estas nerare temo en sorabaj ĵurnaloj kaj gazetoj, kiel ekzemple laste ĉe inaŭguro de la nova parlamentejo en la federacia lando Brandenburgio, kie loĝas parto de la soraboj. Oni fiere montris ke la ŝildo ĉe la enirejo estas dulingva. Kontraŭe, neekzisto de la soraba estas kritikata, kiel laste je la inaŭguro de nova ponto, kie la nomo de la rivero estis skribita nur en la germana. En letero al la soraba ĵurnalo la leganto skribas, ke vidante nur-germanan ŝildon li apenaŭ povis spiri pro ŝoko (*Serbske Nowiny* 24.1.2014). La instancoj rapide reagis kaj instalis dulingvan ŝildon jam kelkajn tagojn poste. Ekzistas eĉ iniciato kiu afiŝas sur nur-germanlingvaj publikaj ŝildoj "*A SERBSCE?*" [Kaj sorabe?]. Ano de tiu iniciato klarigas la signifon de publikaj ŝildoj jene: Tiu eldiro bone ilustras la du funkciojn de lingva pejzaĝo, la informan kaj la simbolan.

"Ŝildoj mem ne estas la baza problemo. Ili nur estas videbla, publika signo de mankanta dulingveco kaj lingva egaleco. (...) Kiam la ŝildoj estas nur




germane skribitaj, kiel sorabo vi vidas, ke via lingvo ne estas tiel grava kiel la germana. Tio estas klara signo rilate al memkonscio" (*Rozmołwa z lěpjerjom*, *Rozhlad* 62 (7-8), 46-47, 46) (3)

Tia kritiko havas ne nur emocian, sed ankaŭ juran bazon, ĉar la publika uzo de la soraba estas rajto agnoskita en la koncernaj leĝoj en la tradicia loĝregiono (pri tio detalas *Elle* 1999) de la soraboj. En ambaŭ federaciaj landoj kie la soraboj tradicie loĝas, leĝo pri rajtoj de la soraboj garantias dulingvajn skribojn ĉe publikaj institucioj, stratoj ktp.

Tamen kiugrade la soraba vere uzatas publike? Ni vizitu la du ĉefajn urbojn de la soraba regiono, *Chóśebuz* (*Cottbus*) en Brandenburgio kaj *Budyšin* (*Bautzen*) en Saksio. Se oni promenas tra tiuj urboj, oni tuj rimarkos, ke ja estas dulingveco kun la soraba. Sed tiu dulingveco ege malsamas al la tre praktika german-pola dulingveco, kiun ni konstatis en Frankfurto/*Słubice*. Plejparte temas pri dulingveco je loknomoj kaj aliaj propraj nomoj. En *Budyšin* oni pli konsekvence dulingvigas informŝildojn. Komercaj signoj en la soraba estas apenaŭ ekzistantaj en *Chóśebuz* kaj nur sporade en *Budyšin*. Tia uzmaniero ja informas al la loĝantoj kaj vizitantoj, ke temas pri historie soraba teritorio, tamen ankaŭ fakte klarigas, ke la soraba apenaŭ havas praktikan utilecon. La lingva pejzaĝo spegulas la malfortan pozicion de la soraba kaj samtempe mem kontribuas al tiu malforta pozicio. Fronte al multe pli forta germana lingvo, la pozicio de la soraba en sia tradicia teritorio ŝajnas malforta.

| LINGVA PEJZAĴO KOMPARE | |
|---|---|
| ***Cottbus/Chośebuz*** | ***Bautzen/Budyšin.*** |
| **Oficialaj signoj**<br>Principa dulingveco de stratnomoj | **Oficialaj signoj**<br>Principa dulingveco de stratnomoj kaj elektitaj vojmontriloj |
| **Komercaj signoj**<br>La soraba preskaŭ ne uzata | **Komercaj signoj**<br>Sporada dulingveco ĉe specialaj vendejoj |
| **Preskaŭ pure simbola uzo -> malforta teritorieco** | |

## 5. RILATO INTER ĈELANDLIMA DETERITORIIĜO KAJ SORABA TERITORIECO

Rigardinte la deteritoriiĝajn tendencojn ĉe la german-pola landlimo kaj la situacion de la soraba, ni nun pripensu, kiamaniere tiuj du lingvaj pejzaĝoj interrilatas. La soraba teritorio ja situas ĉe la german-pola landlimo. (Vidu mapon p.9)

Unu eblo estas, ke la pola aperas kiel konkurenco al la soraba. Por ilustri tion, ni vidu po unu ekzemplon el la du supre menciitaj ĉefaj urboj en la soraba regiono. En *Chośebuz*, kie apenaŭ ekzistas sorabaj komercaj signoj, oni tamen trovas polajn. Ŝajne la pola okupas la lokon de la soraba por esti aldona lingvo. Kaj en *Budyšin* lastjare aperis propono en loka germanlingva gazeto anstataŭigi la soraban saluton ĉe elirejo de la urbo per la najbarlandaj lingvoj, i.a. la pola. Se pliiĝas tiaj tendencoj kaj pensmanieroj, la pola povus esti rigardata kiel konkurenco, eĉ minaco al publika uzo de la soraba.



*Cottbus/Chośebuz.*



*Bautzen/Budyšin.*

Tamen estas ankaŭ ekzemploj en alia direkto. Afiŝo ĉe budo por varma vino en la antaŭkristnaska bazaro en *Budyšin* montris la oferton en kvin lingvoj: germana, soraba, pola, ĉeha kaj angla. Aldono de unu lingvo ne devas ekskludi la aliajn. Sed malgraŭ tio manko de spaco povus esti vera problemo por multlingveco en lingva pejzaĝo. En tia kazo pripensindas la ideo de "slava interkompreno". En intervjuo, iama respondeculo pri eksteraj aferoj de la soraba nacia organizo *Domowina* rakontis al mi jene: Poloj kaj ĉehoj pli bone komprenas la soraban ol la germanan. Iu regiona turisma asocio demandis min pri instalo de sorablingvaj signoj. Se oni skribas sorabe, ankaŭ ĉehoj kaj poloj povas kompreni. Antaŭe germanoj ĉiam diris, aldoni la soraban estas tro koste kaj netravideble. Ili diris, ke soraboj ja ĉiuj komprenas la germanan. Nun ili rimarkas, ke tio estas ankaŭ komerca afero (intervjuo, 26.3.2013).

Ĉi tie temas pri la tiel nomata ponta funkcio de la soraba. Ekzistas soraba proverbo: "*Ze serbskej hubu přindźeš přez Polsku a Rusku*" (Kun soraba buŝo vi povas iri trans Pollando kaj Rusio). Soraba instruisto tion klarigas jene (*Libo* 2002: 54): La soraba lingvo povas esti ponto al Pollando, Ĉehio aŭ Slovakio. Konkrete tio signifas, ke sorabparolantoj, danke al analogaj gramatikaj strukturoj kaj aro da proksimaj aŭ parencaj vortoj, baze kaj sen interpretisto komprenas la najbarojn. (3)

Kutime tiu ponta funkcio estas uzata kiel argumento por sorablingvanoj pri la utileco de ilia lingvo. Sed en nia kunteksto rimarkindas, ke tiu ponto povus funkcii ankaŭ alidirekte. Nome, la soraba povas esti utila, aŭ almenaŭ simpatia, por poloj (ĉehoj, slovakoj…) venantaj al la regiono.




**KONKLUDOJ**

El la vidpunkto de lingva pejzaĝo ni konstatis pri la regiono pritraktita ĉi tie, ke la najbaraj lingvoj jam estas normala ero de la "ĝemelaj urboj" ĉe la landlimo kaj ke la german-pola landlima regiono ne plu konsistas el strikte unulingvaj teritorioj. Tiu german-pola dulingveco povus esti rigardata kiel ŝajna minaco por la teritorieco de la soraba. Aliflanke, la praktika utileco de najbaraj slavaj lingvoj povus instigi al praktika uzo de la soraba, kiu nun plejparte uzatas nur formale je propraj nomoj.

Pli ĝenerale, ĉi tiuj eltrovoj sugestas la eblon, ke la eŭropa integriĝo kun libera cirkulado de homoj akcelas relativigon de nacilingva teritorieco, almenaŭ en landlimaj regionoj. Se tiel, defio por regionaj malplimultaj lingvoj – ne malofte situantaj ĉe malcentroj de ŝtatoj – estas kiamaniere adaptiĝi kaj strategie utiligi tiun tendencon. Ĝis nun oni kutime diskutis pri malplimultaj lingvoj en rilato kun nacia aŭ ŝtata lingvo. Sed pli kaj pli gravas vidi ilian perspektivon en pli vasta kunteksto trans- kaj internacia (kp. *Kimura* 2008). ***KGC***

**Foto**j: *Kimura Goro Christoph*.

## Notoj:

(1) Tiu ĉi artikolo originas el prelego prezentita en Esperanto, la 21an de marto 2014, en la Barcelona Universitato. Ĝi okazis dum tago dediĉita al "Lingva Teritoriiĝo" dum kiu kvar japanaj filologoj instruis pri la situacio de kelkaj lingvoj. La japanaj fakuloj prelegis en la franca, la okcitana, la kataluna kaj Esperanto. La teksto ankaŭ aperis laŭ katalunlingva traduko en la lasta numero de Kataluna Esperantisto (n-ro 362-363, 2014).

(2) "*The language of public road signs, advertising billboards, street names, place names, commercial shop signs, and public signs of government buildings combines to form the linguistic landscape of a given territory, region or urban agglomeration.*"

(3) "*Sorbisch/Wendisch kann insofern eine sprachliche Brücke nach Polen, nach Tschechien bzw. zur Slowakei sein. Das bedeutet konkret: Durch analoge grammatische Strukturen und eine Reihe ähnlicher bzw. Verwandter Lexeme versteht derjenige, der sorbisch / wendisch spricht, die Nachbarn in den Grundzügen ohne Dolmetscher.*"

**MENCIITAJ PUBLIKAĴOJ**


- *Backhaus, Peter* (2007): "*Linguistic Landscapes. A Comparative Study of Urban Multilingualism in Tokyo*", *Clevedon et al.: Multilingual Matters*.
- *Elle, Ludwig* (1999): "*Regionale Aspekte nationaler Minderheiten und das deutsch-sorbische Siedlungsgebiet*". *Lětopis* 46(2), 70-90.
- *Kimura, Goro Christoph* (2008): "Internaciaj lingvoj, fremdaj lingvoj kaj minoritataj lingvoj: interrilateco de lingvaj problemoj". En: "*Azia ni okeru kousei na gengoseisaku ni mukete*" – *daigokai nitobe simpoziumu kirokusyuu / "*Al justa lingvopolitiko en Azio" – Aktoj de la 5a Nitobe-Simpozio */ "Towards Equitable Language Policy in Asia*" – *Proceedings of the 5th Nitobe Symposium*, *KIMURA Goro C*., *YOSHIDA* Naoko (red.). Tokio: *European Institute of Sophia University*, Japana Esperanto-Instituto, 76-80.
- *Landry*, *Rodrigue&Bourhis*, *Richard Y.* (1997): "*Linguistic Landscape and Ethnolinguisitc Vitality: An Empirical Study*". *Journal of Language and Social Psychology* 16 (1), 23-49.
- *Libo*, *Fryco* (2002): "*Sprachausbildung im Land Brandenburg in Regional- und Nachbarsprachen*". *In*: *Sprache als Chance. Schlüsselfunktion sprachlicher Kompetenz für das Gelingen der EU-Osterweiterung und insbesondere der Integration Polens in die EU. Beiträge, Reden, Protokolle*, *Land Brandenburg*, 54-59.
- *Shohamy*, *Elena&Gorter*, *Durk* (2009): "*Linguistic Landscape. Expanding the Scenary*", *New York and London*: *Routledge*.





**Soraba teritorio.**

*Hektor Alos i Font*

# ELEKTOJ EN KATALUNIO

La 27an de septembro la katalunoj estis kunvokitaj por la tria fojo en kvin jaroj elekti siajn reprezentantojn en la kataluna parlamento. Meze de akriĝanta politika krizo, la voĉdonantoj estis puŝitaj al kvazaŭplebiscitaj elektoj por aŭ kontraŭ la sendependiĝo de Katalunio. La rezultoj montras iom-post-ioman dupolusiĝon de la kataluna socio, en kiu forte mobilizitaj poruloj de sendependiĝo estas plimultaj, kvankam ne atingas nekontesteblan venkon.




El Vikimedio.

**La elekta afiŝo de la koalicio "Jes, eblas".**
**Vd. Paĝo 11.**

Turnopunkto de la nuna situacio estas la diskutebla verdikto de la hispania Konstitucia Kortumo en 2010, ke parto de la Statuto de Aŭtonomio (ĉefleĝo) de Katalunio estas nekonstitucia. Tio rompis delikatan konstitucian ekvilibron, laŭ kiu la statuto estis interkonsentita de la kataluna kaj hispania parlamentoj kaj referendume akceptita de la katalunoj en 2006 (vd. *Etnismo*, n-roj 84, 31.12.2009 kaj 90, 31.12.2012). Plimulto de la kataluna socio eksentis sin trompita kaj tri semajnojn post la verdikto miliono da homoj manifestaciis sur la stratoj de Barcelono kontraŭ ĝi. Parto de la kataluna socio, kiu antaŭe ne favoris sendependiĝon, komencis konsideri, ke ili ne povas atingi la gradon de memregado interne de Hispanio, kiun ili taksas necesa, kaj komencis mobiliziĝi. Sinsekve en la jaroj 2012, 2013, 2014 kaj 2015 okazis gigantaj manifestacioj en la nacia tago de Katalunio (11an de septembro), kunigantaj inter miliono kaj miliono kaj duono da homoj, petante unue la rajton je memdispono, kaj poste rekte la sendependiĝon (vd. *Etnismo*, n-ro 90, 31.12.2012). Rimarkinda aspekto de tiuj manifestacioj estis ties festa etoso kaj plena manko de perfortaj incidentoj. Fakte la ĉefa motoro de tiu sendependisma movado, almenaŭ ĝis antaŭ nelonge, estis ne la kataluna registaro aŭ iuj partioj, sed ekstreme aktivaj kaj bonege funkciantaj sociaj organizoj kun la helpo de intelektuloj, multkampaj fakuloj kaj universitataj esploristoj. Tiu movado sukcesis allogi tre diversan subtenantaron: homojn el malsamaj aĝogrupoj, sociaj klasoj kaj devenoj, kun malsamaj lingvoj kaj politikaj orientiĝoj.

En tiu procezo de radikaliĝo aparte rolis la venko de la konservativa Popola Partio (PP) en la hispaniaj parlamentaj elektoj de 2011 per absoluta plimulto. La Popola Partio, lanĉinto de la apelacio al la konstitucia kortumo kontraŭ la statuto, ne pretis interkonsenti por solvi la evidente kreskantan ribelemon en Katalunio, dum ĝi helpis flamigi la etoson per nova leĝo pri edukado favoranta la hispanlingvan instruadon, per novaj leĝoj malfavoraj al la kataluna lingvo en Aragono kaj la Balearaj Insuloj (vd. *Etnismo,* n-ro 92, 31.12.2013), per la fermo de ĉiuj katalunlingvaj televidkanaloj en Valencilando (vd. *Etnismo,* n-ro 92, 31.12.2013) k.a. Ne estas klare, ĉu PP taksis, ke la malkontentiĝo per si mem ial malaperos, aŭ ĉu ĝi kredis, ke tiun esence kaŭzis la gravega ekonomia krizo trafinta Hispanion kaj Katalunion ekde la fino de la pasinta jardeko. Fakte, en tiu ondo de socia malkontento nepretervidebla estas ankaŭ la rolo de la profundega ekonomia krizo, komenciĝinta fine de la 2000aj jaroj, kiu kaŭzis altegan senlaborecon (19% en Katalunio en la dua trimestro de 2015), ĝeneraliĝon de malfirmaj portempaj laborkontraktoj kaj larĝskalan elmigradon eksterlanden de gejunuloj.

En Katalunio la sento, ke indas fari referendumon pri eventuala sendependiĝo por solvi la situacion, fariĝis larĝe plimulta (80% de la loĝantaro ĝin subtenas laŭ la enketoj). Tial la kataluna parlamento kunvokis en 2014 referendumon pri la secesio de Katalunio (sub la kaŝnomo "Konsulto pri la politika estonteco de Katalunio" por eviti leĝajn malhelpojn),

sed la hispania registaro kaj la tribunaloj malpermesis ĝin. Ĝi tamen okazis la 9an de novembro 2014, kvankam teorie organizita de neregistaraj organizoj (la prezidanto de Katalunio kaj aliaj membroj de la kataluna registaro estas akuzitaj de malobeado kaj devas deklari antaŭ tribunalo en oktobro 2015). Voĉdonis 2,3 milionoj da homoj 16-jaraj aŭ pli aĝaj (t.e. ĉ. 40% de la voĉdon-rajtigitoj), kaj 1,9 milionoj (81% de la voĉdonintoj) favoris la sendependiĝon.

La neoficialeco de la voĉdono, kiun multaj kontraŭuloj preferis neglekti aŭ bojkoti, kaj la malpreteco de la hispania registaro atingi interkonsenton pliekstremigis la situacion. Inter la sendependistoj estiĝis la sento, ke la sola formo rompi la blokadon de la situacio estas kunvoki kvazaŭplebiscitajn parlamentajn elektojn, kies praktike sola temo estus decidi inter "sendependiĝo" aŭ "ne sendependiĝo". Tio kondukis al la kunvoko de la elektoj por la 27a de septembro, kaj samtempe al la disŝiriĝo de diversaj partioj kaj la foriro de elstaraj partiestroj el siaj partioj. Ekzemple, rompiĝis la dekstrisma koalicio Konverĝo kaj Unuiĝo, kiu regas Katalunion de 1980 (krom en 2003-2010). Konverĝo, kiu ĝis antaŭ nelonge principe favoris nur la rajton je memdispono, transiris al la sendependisma tendaro. La plimulto de la membroj de Unuiĝo preferis daŭrigi la tradician vojon, celantan akiri pli larĝan aŭtonomecon interne de Hispanio, sed grava parto de la gvidantoj de Unuiĝo transiris al Konverĝo. Konverĝo koaliciis, sub la nomo "Kunaj por la Jeso", kun sia kutima rivalo, la centra-maldekstra sendependisma partio Maldekstro por la Respubliko, kun programo promesanta la secesion de Katalunio en ne pli ol 18 monatoj, eĉ spite al ĉiaj kontraŭagoj de la hispania registaro kaj tribunaloj. La unuajn lokojn de la koalicia kandidato-listo okupis "senpartiuloj", i.a. la eksa ĉefkandidato de la ekologiemaj socialistoj kaj ekskomunistoj al la Eŭropa Parlamento. Ne aliĝis al tiu koalicio la ekstrem-maldekstra organizaĵo CUP, favora al sendependeco, sed kontraŭa al la novliberala politiko de Konverĝo kaj Unuiĝo, kiujn ĝi krome akuzas pri amasa korupto (diversaj kazoj treniĝas de jaroj en la tribunaloj, kaj en pluraj la juĝistoj jam verdiktis kontraŭ gravaj postenuloj de la koalicio). La Socialisma Partio, tradicie la dua partio en la elektoj al la parlamento de Katalunio, perdis elstarajn nomojn, kiuj transiris al la sendependistoj, dum ĝi plilaŭtigis sian ĉiaman pozicion favoran al la federaciiĝo de Hispanio (kvankam farinte pri tio nenion dum 30 jaroj). Inter la kontraŭantoj al ĉia ŝanĝo, tendaro en kiu ĉefrolas PP, kreskis la populareco de partio ideologie simila ("Civitanoj"), sed favoranta konstitucian ŝanĝon por malpliigi la aŭtonomecon de la hispaniaj aŭtonomaj komunumoj. En tia politika mozaiko aperis nova maldekstra partio ("Ni povas"), simila al la greka *Siriza*, kiu venkis en diversaj grandaj hispaniaj urboj en la municipaj elektoj de junio, eĉ en Barcelono. Tiu partio, prezentinta sin en septembro en koalicio kun la ekologiemaj socialistoj kaj ekskomunistoj sub la nomo "Jes, eblas", evitis eniri en la disputon por aŭ kontraŭ sendependiĝo, asertante, ke ekzistas pli gravaj aferoj por diskuti en situacio de akuta ekonomia krizo kaj sistema politika korupto. El la tuthispaniaj partioj ĝi estas la sola, kiu ŝajne pretas okazigi referendumon pri memdispono en Katalunio (sed ankoraŭ ne faris firman decidon pri tio).

| Septembro 2015 | | | | Novembro 2012 | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Listo | Voĉdonoj | Procento el la voĉdonintoj | Parlamentaj seĝoj | Listo | Procento el la voĉdonintoj | Parlamentaj seĝoj |
| Kunaj por la Jeso | 1 621 000 | 39,6% | 62 | Konverĝo kaj Unuiĝo | 30,7% | 50 |
| Civitanoj | 735 000 | 17,9% | 25 | Socialisma Partio | 14,4% | 20 |
| Socialisma Partio | 522 000 | 12,7% | 16 | Maldekstro por la Respubliko | 13,7% | 21 |
| Jes, eblas | 366 000 | 8,9% | 11 | Popola Partio | 13,0% | 19 |
| Popola Partio | 348 000 | 8,5% | 11 | Ekologiemaj socialistoj kaj ekskomunistoj | 9,9% | 13 |
| CUP | 336 000 | 8,2% | 10 | Civitanoj | 7,6% | 9 |
| Unuiĝo | 103 000 | 2,5% | 0 | CUP | 3,5% | 3 |
| Voĉdonis: 77,4% | | | | Voĉdonis: 67,5% | | |




El Vikimedio.

**«24 s(eptembro) por la rompo.
Regu ni.
Sendependiĝo/Konstituiga procezo.
Konstituiga alvoko.»**

La rezultoj de la elektoj (vd. la tabelon) prezentas neklaran panoramon. La du listoj senkonteste favoraj al sendependiĝo atingis la plimulton en la parlamento (72 seĝoj el 135), tamen atingis nur 48% de la voĉoj. Procente, tio estas ekzakte la sama rezulto kiel en la antaŭaj elektoj de 2012 por la totalo de Konverĝo, Unuiĝo, Maldekstro por la Respubliko kaj CUP, kvankam ili kune perdas 2 parlamentajn seĝojn. Tio estas ankaŭ klare pli ol la tri parlamentaj partioj senkonteste kontraŭaj al la sendependiĝo (52 seĝoj, 39% de la voĉoj). Elstaras, ke "Civitanoj", la plej radikala el la partioj kontraŭaj al la sendependiĝo, fariĝis la dua plej voĉdonita listo, preskaŭ triobligante la nombron de siaj voĉoj kaj parlamentaj seĝoj. Tio montras kreskantan dupolusiĝon en Katalunio.

La du listoj favoraj al la sendependiĝo deziras antaŭenigi siajn (malsamajn) programojn cele al unuflanka sendependiĝo de Katalunio, senrigarde al la pli ol probablaj obstakloj lanĉotaj de la hispanaj politikaj, juraj kaj ekonomiaj institucioj. Ambaŭ konsideras, ke ili akiris sufiĉe larĝan demokratian mandaton por tiel elpaŝi. La fortaj ideologiaj malsimiloj inter ili povas grave malhelpi ilin, sed ilia rezoluteco kredigas, ke ili iel sukcesos interkonsenti. Tio estas nemalhavebla, ĉar sendependisma registaro devos multe pli draste ol ĝis nun spitadi la hispanian leĝaron en la venontaj monatoj, kaj tio havos neantaŭvideblajn rezultojn. Neatingo de 50% de la voĉoj en la elektoj verŝajne malfaciligos doni al si legitimecon antaŭ alilandaj EU-registaroj, kiuj pro kompreneblaj kialoj ne favoras la malstabilecon de membro-ŝtato.

Estas malprobable, ke la rezultoj de la hispaniaj parlamentaj elektoj en decembro helpos solvi la situacion. Plej verŝajne la malperfekta dupartieco inter la socialisma kaj la popola partioj, karakterizanta la hispanian politikan pejzaĝon de la komenco de la 1980aj jaroj, ekkrizos per la avanco de "Civitanoj" kaj "Ni povas". La socialistoj ŝajne ĉi-foje pretas ŝanĝi la konstitucion por plifederaciigi Hispanion, sed estas antaŭvideble, ke ili ne atingos la subtenon de 2/3 de la parlamento por tio, pro la fronta kontraŭstaro de la Popola Partio kaj "Civitanoj". Neniu tuthispania partio, krom eble "Ni povas", pretas permesi referendumon por malbloki la situacion.

Plej kredeble la nova kataluna registaro daŭrigos la planon anoncitan de "Kunaj por la Jeso" por rapide malligi Katalunion el Hispanio (i.a. per la funkciigo de propra impostkolekta sistemo ebliganta pagi la pensiojn kaj la salajrojn de la publikaj funkciuloj la tagon post la deklaro de sendependeco). Tio postulos malobeadon ne nur de la kataluna registaro, sed ankaŭ de municipoj, entreprenoj, kaj de la civitanaro mem, al la leĝoj de la ŝtato. La mobiliziĝoj en la lastaj jaroj, same kiel la lastaj elektoj, montras, ke proksimume 2 milionoj da katalunoj estas pretaj por tio, dum ili malpli kaj malpli pretas al kompromiso. La tuthispaniaj partioj ĝis nun provis nur timigi la katalunajn civitanojn per tio, ke okazus la plej grandaj teruraĵoj, se ial Katalunio sendependiĝus, sed evidente tio estas strategio malsukcesa por duono de la kataluna loĝantaro. Al ili restas malmultaj ebloj. La plej saĝa estus iel interkonsenti, kiel solvi la krizegon, sed ĝis nun ne estas signoj de tio, ke ili kapablus aŭ pretus komune prezenti ion sufiĉe allogan por rompi la kreiĝintan fortan blokon de sendependistoj. La plej malsaĝa estus plivastigi la konflikton per uzado de polico kaj armeo. En tiu okazo ili atingus plimultiĝon de la sendependistoj je nivelo jam plene definitiva, kaj samtempe vekus internaciajn simpatiojn kaj subtenojn por la kontraŭa flanko. Grava stabiliga faktoro estas, ke Katalunio altiras grandan kvanton da investoj de eksterlandaj entreprenoj, ĉefe el Germanio kaj Francio. Tio igas tiujn landojn tre interesataj pri tio, ke oni trovu kompromisojn por solvi la krizon.

Antaŭvideble en la venonta jaro kaj duono atendas nin multaj pliaj novaĵoj el Katalunio. ***HiA***

(verkita la 18.10.2015)

*Alain Favre*

# NAGORNO-KARABAĤO/ARCAĤO,
## plia kerno de konflikto inter armenoj kaj turkoj

2015 signas la centjariĝon de la armena genocido, decidita de la "Junaj Turkoj" por senigi sian landon ne nur de armenoj sed ankaŭ de pluraj aliaj malplimultoj ĉefe kristanaj, cele al "purigo" de la turka popolo.

Entute la konfliktoj inter turkoj kaj armenoj ekzistas de multaj jarcentoj. Dumlonge Armenio mem estis aparta regno, kun tre moviĝantaj landlimoj. Turkio estis la centro de la tiel nomata Otomana imperio, kiu konsiderinde reduktiĝis dum la deknaŭa kaj komence de la dudeka jarcentoj, antaŭ ol malaperi fine de la unua mondmilito favore (interalie) al la nuna turka respubliko. Kaj Armenio reaperis kiel ŝtato okaze de la dispeciĝo de Sovetunio, en kiu ĝi konsistigis unu el la dekvin respublikoj.

Sed tie ĉi temos rekte nek pri Turkio nek pri Armenio kiel nunaj ŝtatoj, sed pri tiuj turkoj kaj armenoj, kiuj vivas ekster la limoj de tiuj landoj. Kio ne malhelpas, ke oni trovos similaĵojn kaj interalie delongan malamon inter la du popoloj.




**Plej granda ekspansio de la armena Imperio sub Tigrano 2a (95 - 55 a. K.) kompare kun nunaj landlimoj.**
**ARMENIO, IRANO ktp: nuntempaj ŝtatoj.**
**- · - · - · - Nuntempaj landlimoj (2008).**

**El Vikimedio. Mapo eperantigita el franclingva mapo.**

malapero de Sovetunio. Tial, sepdek jarojn post sia kreo, la tri respublikoj iĝis sendependaj ŝtatoj.

Kompreneble nek Kartvelio, nek Armenio, nek Azerbajĝano estis unuetnaj landoj. Ni pormomente flankenlasu Kartvelion, kiu havas proprajn problemojn, jam abunde traktitajn en nia revuo. La landlimoj deciditaj en 1921 ne respondis al vera etna-religia disdivido de tiu "Transkaŭkazio". Cetere estus malfacile, kun sufiĉe interplektitaj popoloj. Tamen en ambaŭ landoj estas superreganta etno, kies deveno, lingvo kaj religio malsamas al tiuj de la alia.

### MOVIĜANTAJ MAPOJ

En la jaro 1921, post tre konfuza periodo (unua mondmilito, armena genocido, rusaj revolucioj, proklamoj de sendependiĝoj…), Sovetio strukturiĝis sub la direktado de Lenino kaj Stalino. En suda Kaŭkazio aperis tri respublikoj, kiuj jam provis ekzisti en la antaŭaj jaroj: Kartvelio, Armenio kaj Azerbajĝano. Sed, dum la periodo 1922-1936, la tri landoj estis unuigitaj sub la nomo Respubliko de Transkaŭkazio (jam pli malpli ekzistinta en 1918), antaŭ ol denove apartiĝi en tri respublikojn ĝis la

### POSTSOVETIAJ RESPUBLIKOJ

Azeroj plejmulte vivas en Azerbajĝano (iom pli ol 9 milionoj) kaj Irano (almenaŭ 12 milionoj). Temas pri turkoj tre proksimaj al la otomanoj de Turkio. La azera kaj otomana lingvoj estas facile interkompreneblaj, kun ekzisto de "transiraj" dialektoj oriente de la nuna Turkio. En Azerbajĝano la lingvo skribiĝas nun pere de la latina alfabeto, kun aldono de literoj (iom kiel la otomana), dum en Irano oni plu uzas la araban alfabeton. Tradicie azeroj estas islamanoj sijaismaj, dum otomanoj estas sunaismaj.

Oni trovas azerojn ankaŭ en Turkio, en Rusio kaj en Kartvelio.

Azerbajĝano estas respubliko estrata de la familio *Aliyev* (patro kaj poste filo) ekde 1993, tio estas du jaroj post la sendependiĝo – la tutkomenca periodo estis aparte tumultoplena. La nuna prezidento estis lastfoje reelektita en 2013, kadre de balotado ne tre regula laŭ internaciaj observantoj. Lia reĝimo estas ĝenerale konsiderata kiel diktatoreca. Ekonomie Azerbajĝano estas sufiĉe evoluinta ŝtato pro ekspluatado de la naftaj tavoloj proksimaj al Bakuo (ĉefurbo kun pli ol du milionoj da loĝantoj, ĉe Kaspia maro). Tiu lando flegas bonajn rilatojn kun Rusio, Irano, Turkio, Usono kaj Eŭropa Unio, eĉ kun Israelo. Ĝi estas membro interalie de la Komunumo de Sendependaj Ŝtatoj (postsovetia organizo) kaj de la Konsilio de Eŭropo.




Mapo el Vikimedio esperantigita.

**Alta Karabaĥo.**

Kvankam la sendependiĝo de Armenio akirita inter 1990 (proklamo) kaj 1991 (malapero de Sovetio) estis grava evento, ĉefe post la nesukcesa provo de 1918 kaj longaj jaroj de komunismo, plej multaj armenoj bedaŭras, ke ilia respubliko koncernas nur tre etan teritorion, sen mara aliro, dum Armenio foje estis multe pli granda, eĉ trimarborda (Kaspia kaj Nigra maroj, Mediteraneo). La ĉeesto de armenoj, hindeŭropa popolo, en ĝia nuna regiono estas atestita en la historio jarcentojn antaŭ Kristo; aldone la armena regno fariĝis kristana tutkomence de la kvara jarcento, do antaŭ la Romia imperio mem. Tiu kristanismo, kiu konkretiĝas ĉefe per aparta eklezio, plu gravas en la armenaj kulturo kaj identeco, kvankam la nuna ŝtato estas laika. Ties reĝimo estas konsiderata far la internaciaj observantoj kiel ne tute demokratia, interalie pro nesufiĉa travideblo en la balotadoj. La eta nuna Armenio (malpli ol kvar milionoj da loĝantoj, eĉ ne duono de Azerbajĝano) estas ekonomie subtenata de tre grava diasporo; ĝi havas bonajn rilatojn kun plej multaj ŝtatoj, escepte de Azerbajĝano kaj Turkio; ĝi provas resti neŭtrala en la konflikto inter Kartvelio kaj Rusio. Tiu respubliko membras en diversaj organizoj, interalie la Komunumo de Sendependaj Ŝtatoj, la Konsilio de Eŭropo kaj eĉ Franclingvio.

**STRANGAJ LANDLIMOJ**

Ni nun revenu al la problemo de la landlimoj, kompreneble hereditaj de la iamaj sovetiaj respublikoj. Inter Armenio kaj Azerbajĝano ili estas vere strangaj: ekzistas (aŭ, pli ĝuste, ekzistis) kvar etaj enklavoj de Azerbajĝano en Armenio, kaj unu apenaŭ pli granda enklavo de Armenio en Azerbajĝano. Alia aparta kazo estas la aŭtonoma respubliko de Naĥiĉevano, kiu troviĝas inter Armenio kaj Irano, sed estas parto de Azerbajĝano; temas pri teritorio historie armenia, sed dum la dudeka jarcento forlasita de la armenoj kaj pli kaj pli loĝata de azeroj, interalie pro la influo de Turkio, kiu estis la garantiulo de la loka aŭtonomio. Hodiaŭ preskaŭ ĉiuj el la 400 000 loĝantoj de tiu enklava regiono estas azeroj.

Male, iu distrikto de Azerbajĝano, situanta oriente de Armenio, estas loĝata de forta armena plimulto: temas pri Nagorno-Karabaĥo, nomata Arcaĥo de la lokanoj. La vorto Karabaĥo venus de la persa, kaj la adjektivo *nagorno*, kiu signifas montara en la rusa, estis aldonita dum la sovetia epoko (en esperanto la esprimo Alta-Karabaĥo povus esti pli trafa). Stalino mem decidis krei "azeran koridoron" inter la distrikto Nargorno-Karabaĥo kaj Armenio, por malhelpi kuniĝon inter la du armenaj teritorioj.

Konkerita de Rusio komence de la deknaŭa jarcento post milito kun Persio (nuna Irano), tiu regiono ekbolis tuj post la rusa revolucio de 1917, kun provoj de sendependiĝo, militoj kaj masakroj de armenoj far azeroj. Oni do facile komprenas ke, kiam la premoj de la malfortiĝanta Sovetunio malaperis, jam komence de 1988, la parlamento de la distrikto voĉdonis la unuiĝon kun la armena respubliko. La azerbajĝana registaro ne akceptis kaj, kiam ĝi mem proklamis sendependiĝon de Sovetunio (1990), samtempe nuligante la decidpovojn de sia armena distrikto, ĉi ties loĝantoj ribelis. Septembre de 1991, Arcaĥo proklamis sian sendependiĝon, konfirmitan du monatojn poste per referendumo.

**EK AL MILITO**

La azerbajĝana registaro tuj decidis rekonkeri milite sian ribelantan distrikton. Loĝata de nur 150 000 homoj, ne disponanta armeon, Arcaĥo petis subtenon de Armenio, kiu sendis trupojn por helpi la sametnanojn. La koridoro de *Lachlin* estis okupaciita de la armena armeo, same kiel la etaj enklavoj de Azerbajĝano en Armenio (reciproke Azerbajĝano okupaciis sian armenan enklavon). Post tri jaroj da milito, en 1994, Azerbajĝano devis peti batalhalton, perdinte sian militan bazon de *Shuchi*, tute proksima al *Stepanakert*, ĉefurbo de Arcaĥo. Entute la azera

lando perdis ne nur sian tradician armenan distrikton (krom kelkaj teritorioj en la nordo kaj oriento) sed ankaŭ distriktojn okcidente kaj sude de ĝi, ĝis la irana kaj armena landlimoj. Azeroj devis fuĝi de tiuj distriktoj, same kiel la lastaj armenoj de Naĥiĉevano. En Bakuo kaj *Sumgait*, industriaj urboj de Azerbajĝano, okazis masakroj de armenoj. La 12an de majo 1994 armistico estis subskribita en Minsko. Tamen ĉe la frontlinio incidentoj ĉiam okazas, azeraj atakoj fariĝis pli multaj en 2014 kaj 2015, kun pluraj dekoj da viktimoj. La flughaveno de *Stepanakert*, finkonstruita en 2010, ne povas funkcii pro daŭraj atakoj de la azerbajĝana armeo. Estas do malfacile atingi Arcaĥon; ekzistas fakte nur vojo el Erevano (ĉefurbo de Armenio), kiu trairas tre altajn montarajn pasejojn.

**NOVA SUBTENO EL EŬROPO**

Dekomence tiu konflikto vekis simpatiojn favore al Arcaĥo en tuta Eŭropo, interalie pro la armeneco de la loĝantoj, tio estas aparteno al popolo, kiu estis viktimo fakte dum jarcentoj kaj kulture tre parencas kun plej multaj eŭropanoj. Al tio oni povas aldoni, ke la respubliko de Nagorno-Karabaĥo, agnoskita de fakte neniu vera ŝtato en la mondo, sukcesis konstrui demokratian socion, kun plureco de partioj, normala partopreno de virinoj en la socia vivo, libera informado, grandskala elimino de koruptado… La kontrasto kun Azerbajĝano estas evidenta, kvankam ĉi lasta sukcesis akiri subtenojn, ĉefe en la islama mondo.
Sed la tiel nomata “okcidento” restas tre singardema, same kiel Rusio, kiu deziras konservi bonajn rilatojn kun ambaŭ flankoj. Oni ankaŭ tre timas la reagojn en islamaj landoj, por kiuj defendo de kristanoj estas facile konsiderata kiel novtipa krucmilito… precipe, se tiuj landoj havas nafton aŭ pli malpli partoprenas en la lukto kontraŭ integrismo.

Dum la somero 2015, delegacio de la partio Libera Eŭropa Alianco (*European Free Alliance, Alliance Libre Européenne…*) vizitis Arcaĥon, gvidate de sia prezidanto, la korsikano *François Alfonsi*, kiu deklaris interalie: «Por *LEA*, la situacio estas simpla: Azerbajĝano devas respekti la rajton je memdetermino de la armena popolo de Arcaĥo, kaj Eŭropo devas subteni tiujn, kiuj luktas favore al demokratio, kontraŭ diktaturo inter la plej libermortigaj, kiuj ekzistas en la tuja apudo de Eŭropa Unio».

*LEA* estas eŭropa (ne nur eŭropunia) partio, kiu fontas el federala unuiĝo de aŭtonomismaj partioj. Ĝi havas plurajn deputitojn en la eŭropa parlamento; ili kunsidas en la sama grupo kiel la verduloj; tial ili havas iom da influo en la eŭropa politiko, tiom pli, ke ili foje reprezentas tre potencajn partiojn, kiel ekzemple la faman Skotan Nacian Partion de Skotlando. Kaj ŝajnas, ke la opinio esprimata de *François Alfonsi* estas vaste disvastiĝinta kadre de la eŭropa parlamento, kie oni ofte konsideras la aferojn pli internacie ol en la nura kadro de interŝtataj rilatoj, kie ekonomio kaj neofendemo multe pli gravas ol respekto al homaj kaj etnaj rajtoj.

ԱՂԲԻՒՐ

Լեռնային աղբիւր,
Սառնորակ, զուլալ,
Դու անմեղութեան
Տիպար եզ կարծես,
Քո ջրից միայն
Թող խմեն նրանք,
Ովքեր աշխարհում
Մաքուր են քեզ պէս:

FONTO

Montara fonto
Bela, klara,
Via naiveco
Modelo ŝajnas.
Nur tiuj,
Kiuj estas en la mondo
Same puraj kiel vi,
Trinku vian akvon.

*Vera Seinian*, armena poetino, kiu longe vivis en Bakuo.
*Baku*, 1978

Traduko helpe de *Google*-tradukilo:
*Alain Favre*

**KIA SOLVO?**

Fondita en 1994 cele unue al ĉesigo de la armen-azera milito, la grupo de Minsko, en kiu partoprenas pluraj grandaj potencoj same kiel Armenio kaj Azerbajĝano, ne antaŭeniris sur la vojo al la solvo de tiu konflikto. Ĉu Nagorno-Karabaĥo povus "reveni" al Azerbajĝano, al kiu ĝi fakte neniam apartenis depost ĉi ties sendependiĝo? La respondo povas esti nur negativa. Eĉ demokratiiĝo de la lando de azeroj estas tute neverŝajna dum la venontaj jaroj. Estus sensence postuli fortan aŭtonomion de Nagorno-Karabaĥo kadre de Azerbajĝano, ĝi ne estus respektata. La ĵusa politika evoluo de Turkio mem estas sufiĉe maltrankviliga, kaj oni ankoraŭ ne povas esperi progresojn rilate al la agnosko de la armena genocido, kiu ebligus bonajn rilatojn kun la armena najbaro kaj sekve pli moderan starpunkton en la nagorno-karabaĥa konflikto. Oni ankaŭ povus timi ian *Blitzkrieg*, fulman militon, flanke de Azerbajĝano por repreni sian ribelan distrikton, okaze de tumulto en la regiono (kiu fakte jam estas) kaj de milita apogo fare de alia lando. Arcaĥanoj tion tre timas, tiom pli, ke la atakoj lastatempe plimultiĝis, cele verŝajne al testado de la armenaj defendkapabloj. La ege lerta kaj malferma diplomatio de Azerbajĝano – kies diktatoro estas brila kaj simpatia homo, tre ŝatata en internaciaj rondoj – povus celi pretigon de tia operacio, kiu tamen trovus akrajn oponantojn en okcidento same kiel en Ruslando, interalie pro la tre forta influo de la armenaj diasporoj. Sed, praktike, kion oni povus fari okaze de fulma invado fare de la legitima posedanto?

Aliflanke, oni povus konsideri rektan kuniĝon inter Armenio kaj Arcaĥo; tiel la armena respubliko aperus pli forta, pli grava ol la nuna stumpa lando, kiu restas el iama granda regno. Sed tia *Anschluss*, konekto, estus konsiderata kiel agreso al la turka, eble eĉ islama mondo, eĉ incito al nova milito en regiono jam sufiĉe malstabila. Ni tamen notu, ke per sia anekso de Krimeo Rusio malfermis pordon al tiaspecaj entreprenoj. Sed tio, kio estas permesita al granda lando kun atombombaj kapabloj, estas malfacile realigebla por tiel eta ŝtato, kia estas Armenio.

Konklude oni rajtas prognozi, ke la nuna aferstato povus daŭri sufiĉe longe. Eble okazos iu normaligo, malrapide azerbajĝanoj komprenos, ke tiu regiono ne estas azera, eĉ neniam estis, ke estas nenio por funebri. Oni notu, ke en la sama parto de la mondo troviĝas ne malsimilaj situacioj, tiuj de Suda Osetio kaj Abĥazio. Sed tiuj lastaj estas rekte protektataj de la rusa giganto, kio signifas, ke ilia "rekonkero" far la antaŭa posedanto, nome Kartvelio, fakte ne eblas. Arcaĥo troviĝas en multe pli danĝera situacio; ekzistas ja iom da rusa protekto – simpatio inter rusoj kaj armenoj cetere de longe ekzistas –, sed oni nuntempe ne bone povas antaŭscii, kiaj povas esti la venontaj movoj de la giganta urso, por kiu la sorto de 150 000 homoj ne tiom gravas, kiam temas pri superaj interesoj, naftaj, strategiaj aŭ pri simpla influkapablo, ekzemple se la situacio en ekssovetiaj respublikoj islamaj postulos kelkajn oferojn. ***AF***



**Vikimedio. Aŭtoro: *Bouarf*. La 21an de majo 2007.**

**Pejzaĝo de Nagorno-Karabaĥo.**

*Verena Graf*

# Alavitoj en Sirio

**KONSTATO KIEL ENKONDUKO**

Ĉar la historio ripetiĝas, oni povas malfeliĉe imagi ke plu okazos genocidoj. Ĉu la siriaj alavitoj estos la venontaj suferantoj de tiu abomena plago?

En tiu ĉi lando, ekde jaroj batalkampo, kie plej perforte kaj plej kruele alfrontiĝas militistoj, armitaj grupoj, subaĉetitaj gruperoj kaj religiaj fanatikuloj – kie nerealo iĝis realo – de jarmiloj vivas alavitoj, religia malplimulto devigata vivi sekrete. La alavitoj vivis tie jam dum la epoko de la Otomana Imperio, ĉiam en komunuma retiriĝo, diskrete kaj sekrete, por eviti amasajn persekutojn ĉar ilin oni konsideras herezuloj.



**Poŝtkarto el la franca mandata epoko.**

**HISTORIA ORIGINO KAJ RELIGIAJ FUNDAMENTOJ**

Hodiaŭ taksataj je 3 milionoj, ĉi tiuj heredantoj de heterodoksa religio islama, devenas de Irako, kie ili aperis en la 11-a jarcento. Pli ol miliono da siriaj alavitoj vivas en *Adana* kaj ĉirkaŭ *Antakya* (1) en Turkio, regionoj antaŭe en Sirio, kaj pli ol 100 000 vivas en Libano, plejparte retiriĝintaj en la kvartalo de *Jabal Mohsen* en Tripolo. En la jaro 863 mortis *Mohammed Ibn Noussajri*, ilia unua religia ĉefo, kiu diskonigadis la instruojn; tial la alavitoj estas nomataj ankaŭ nusajiroj. La alavitoj adoras *Ali*, kuzon kaj bofilon de la profeto Mohamedo, kiel Dion, kaj donas al la profeto la duan lokon. *Salman*, kunulo de *Ali*, estas la tria elemento de la alavita triunuo. Alion reprezentas la luno, Mohamedon la suno kaj Salmanon la ĉielo. La alavita religio estas esotera kaj inica: la virseksaj adoleskantoj, instruitaj de ŝejko, kiu iĝas ilia spirita patro, ĵuras ke neniam ili rivelos iun sekreton de tiu instruo je risko de mortopuno. La mortopuno ne aplikiĝas, tiu ĵuro estas nur simbola.

Ili konstruas malgrandajn maŭzoleojn el kalko, nomatajn "*zijara*" (2), sur montetoj ĉirkaŭitaj de arboj kaj vegetaĵoj, kie ili entombigas kaj poste adoras la grandajn ŝejkojn kaj kien ili iras okaze de religiaj festoj dum kiuj ili oferas bestojn, konsumante la viandon surloke aŭ disdonante ĝin al malriĉuloj. Ilia religia praktiko estas minimuma kaj liberala. Ili ne havas moskeojn, preĝas side aŭ stare kaj neniam adorkliniĝas; ili ne praktikas la pilgrimadon al Mekko, kontraŭstaras la ŝarion, kredas je reenkarniĝo, ne fastas kaj toleras alkoholaĵojn. Foje la plej aĝaj fastas dum la monato de *Muharram* omaĝe al martiroj de *Karbala*. Ili celebras la novjaron de Zaratuŝtro kaj Kristnaskon. En ilia hierarkia socio la virinoj estas flankenigitaj, sed almenaŭ ne surmetas vualon. Ilia socio tribe organizita dividiĝas en plurajn dekojn da triboj, kiuj grupiĝas en kvar federaciojn (*Haddadin, Khajatin, Matawara* kaj *Kalbjeh*). Tiuj federacioj kunigas 80 procentojn de la siriaj alavitoj, kvankam hodiaŭ referenco al la tribo kvazaŭ malaperis. La "*asabijja*", ia komunumo de solidareco, pli gravas ol la ligoj de la sango.



**Vikimedio. Adaptita el germanlingva mapo.**



"*Zijara*" **estas maŭzoleo konstruita sur monteto, kie oni entombigas ŝejkojn kaj venas ilin adori.**

La ŝejkoj estis submetitaj al la tribestroj kaj devis resti ekster la politiko. Tial ili ne estas nomitaj sed rekonitaj de la komunumo pro siaj honesteco, rektanimeco kaj religiaj scioj. Ĝenerale ili aktivas sekulare: ili estas instruistoj, juĝistoj, agrikulturistoj kaj vivas modeste. La ŝejkoj interalie rolas kiel kunligantoj inter la diaĵo kaj la kredantoj, sed ili precipe estas la gardistoj de la alavita doktrino, transdonante la sekreton de la religio per inico. La inicitoj respektas absolutan obeon al sia ŝejko, konsiderata kiel spirita patro. Iu neformala konsilantaro de 18 alelektitaj membroj el ŝejkoj de diversaj triboj havas la taskon difini, dum kunvenoj regule organizataj, la grandajn orientiĝojn de la alavita komunumo. La alavitismo esence laikas, ĉar diskreta kaj neprozelita. Dum la lastaj jardekoj la alavita komunumo daŭre evoluis tiudirekte kaj nun la ŝejkoj havas nur simbolan rolon. Li devas deĵori dum la funebraj servoj aŭ dum aliaj religiaj festoj. Sed en




**Mapo esperantigita el mapo de Vikimedio, 2006.**

la hodiaŭa realo malmultaj alavitoj konas sian propran religion.

**MIGRADOJ, GEOGRAFIA SITUO KAJ VIVMANIERO**

En 1946, je la sendependiĝo de la lando, pli ol 80 procentoj de la siriaj alavitoj loĝis en la montara marbordo, *Ĵabal Ansarieh* (3), kaj en la ĉirkaŭaj ebenaĵoj, kie ili formis la plejmulton de la loĝantaro. Aliaj alavitoj vivis en la intermita bendteritorio oriente de la rivero Oronto (4), en la urboj *Aljate*, *Djerablus*, *Sighurin*, *Abu Mendel*, ktp. Ĉiuj tiuj popoloj tamen originis el la montaro *Ansarieh*, forpuŝitaj ne nur de la demografia premo, sed ankaŭ fuĝantaj de malriĉeco. Ili ekloĝis kiel farmistoj en la grandaj bienoj ĉirkaŭ la urboj (*Homs* kaj *Hama*). En la ĉefurbo Damasko ili nombris 4 200.

Pro kamparana enmigrado okazinta fine de la 19a jarcento kaj komence de la 20a jarcento, la alavitoj iĝis plejmultaj en ĉiuj urboj de la marborda regiono (*Tartus*, Latakio, *Banijas*, *Jablea)* kaj en la proksima montaro, en *Drejkish*, *Sheikh Bader* kaj *Qardaha*, kie ili estis preskaŭ 100 procentoj. Vojaĝintoj en Latakio mire rakontis pri la vestaĵoj de la junulinoj, kiuj promenis en la antaŭurbaj kvartaloj, «libere ŝvebaj hararoj, mallongaj streĉaj vestaĵoj valorigantaj la korpon», dum en la malnovaj kvartaloj sunaistaj la etoso estis tiu de tradicia araba urbo. Tiel en la alavitaj kvartaloj ne ekzistis kafejoj rezervitaj al viroj kaj la tavernoj ofertis alkoholaĵojn kaj ne dividis laŭ sekso.

**PROOKAZA ENPLEKTIĜO KAJ HAZARDA VOJIRO EN LA POTENCULARON**

Kun la naskiĝo de Baazismo en 1943 (fondita de *Michel 'Aflaq*, kristano, de *Salaheddin Bitar*, sunaisto sed ankaŭ de *Zaki al-Arsûzi,* alavito el la regiono *Iskenderum* [Aleksandreto]), kreiĝis partio por araba kaj laika naciismo, kiu mobilizis la sociajn grupojn kaj la islamajn komunumojn por ke la araboj povu liberiĝi el imperialismo. La membronombro de tiu ĉi partio konsiderinde kreskis, ĉefe en Damasko, ĉar alavitaj soldatoj kaj funkciuloj akompanataj de siaj familioj amase ekloĝis en tiu ĉi urbo.

La alavita komunumo tamen ne kunfandiĝis kun la Partio Baazo, kiel faras iuj etnaj grupoj, kiuj identiĝas al iu partio, ĉar la alavita religio pli taŭgas por kunigi la alavitojn ĉirkaŭ la "*asabijja*", havanta la ŝtatpotencon. Eksplodintaj antagonismoj kaŭzis masakrojn de la alavitaj kadetoj el la Militista Akademio de Alepo en 1979 kaj atencojn far sunaistoj, interalie la Islama Frataro, en 1979 kaj 1982 kontraŭ alavitaj eminentuloj. Tio intensigis la senton de kuneco en la alavita komunumo kaj ĝian fidelecon al la prezidento. Necesas scii ankaŭ ke la baazistoj distanciĝis de la Islama Frataro, konsiderante ilin obskurantismaj reakciuloj ligitaj al Saud-Arabio, do al Usono.

La *asabijja* konsistigis ĉirkaŭ *Hafiz al-Asad* veran pretoran gvardion. Tio ja fortigis la reĝimon, sed aliflanke iuj membroj de tiu *asabijja* konstituis propran grandan klientaron, kiu tiel fragiligis la absolutecan povon de la prezidento. La malriĉeco de la alavitoj garantiis daŭrajn retojn de fideluloj al la prezidento kontraŭ ricevo de materialaj avantaĝoj; sed anstataŭ firmigi la stabilecon de sia povo la prezidento ĉefe igis ilin helpodependuloj. La renovigo de la pretora gvardio en la malriĉaj vilaĝoj de *Ĵabal Ansarieh* kaj en la periferiaj kvartaloj de la marbordaj urboj, same kiel la amasa rekrutado por la armeo kaj por la polico, malprosperas pro la demografia malkresko en la alavita komunumo. Kvankam la oficiroj estas alavitoj, la cetero de la trupoj probable jam havas plejmulton de sunaistoj. La situacio iĝas do inversa al tiu ĉe la ekrego de la Partio Baazo, kiam la alavitoj povis ludi gravan rolon en ĝi.



**Alia *zijara*, tiu de *Al Ĥidr* "la verdulo", ofte asimilita al Sankta Georgo. Male al la aliaj *zijara*, tiu ĉi estas verde farbita honore al la nomo de la koncernata sanktulo. Ĝi estis detruita de ĵihadistoj, kiuj kondamnas vizitojn al mortintoj kiel krimon kontraŭ monoteismo.**

Tute ne ekzistas etna diskriminacio en la ŝtata aparato de Sirio. Cetere, inter la siriaj soldatoj proporcie pli granda parto el tiuj kun alavita origino mortis dum la milito ol el sunaistoj. Oni preskaŭ ne plu vidas junulojn en la stratoj de Latakio aŭ de *Tartus*. Dum la kvar lastaj jaroj la alavitoj amase eniris la armeon kaj batalas je ĉiuj frontoj. Ne nur alavitaj oficiroj komandas. Ekzemplo pri tio: la armeestro *Faĥed Ĝasem al-Freĝ*, sunaisto.

## POLITIKA EVOLUO KAJ LA SITUACIO EN DAMASKO

Tio, ke la alavitoj atingis la ŝtatan aparaton, eligis ilin el ilia izoliĝo, sed je la prezo de alia enkarceriĝo: tiu de la persekutadoj far la sunaistoj, kiu pliintensiĝis pro la intermikso de la reĝimo de *Hafiz al-Asad* kaj la komunumo. La sunaista plejmulto konsideras la alavitojn ateistoj aŭ malpiuloj, eĉ herezuloj.




**Foto: *Human Rights Watch*.**
**La alavita ŝejko *Badr al Ghazali*, murdita en Latakio en aŭgusto 2013 far la Fronto *Al Nosra*. (6)**

Nuntempe la ĉirkaŭ 2,8 milionoj da alavitoj, kvankam apartenantaj al malplimulto, troviĝas en la politika militista elito, kien ili alvenis en novembro 1970 pro la aliro al la povo de *Hafiz al-Asad*. Poste tamen ili ankaŭ suferis reprezaliojn, kies plej bona ekzemplo estas la sorto de la generalo *Ĝadid*, enkarcerigita kaj mortinta en karcero, krom la jam menciita amasbuĉado de alavitaj kadetoj en 1979. Ĝenerale oni povas diri, ke dum la 40 jaroj de la regno de la Asadoj, la alavitoj vivis en relative privilegia situacio, sed notindas, ke la alavita montaro estas tiom malriĉa kiom la plej malriĉa el la siriaj regionoj. Por kontraŭi suspektojn de mal-diskriminacio, la siria ŝtato eĉ tendencis neglekti la alavitajn areojn.

Ekde la protesteksplodo de marto 2011, la sunaista plimulto venĝas sin kontraŭ la alavitoj, ĉar ĝi ne diferencigas inter la reĝimo kaj la alavitoj.

## LA LOĜANTARO ĈIAM PERSEKUTATA

Ĉar por la alavitoj la parolo de Dio, t.e. de *Ali*, pli valoras kaj venas antaŭ tiu de la Profeto en la Korano (male al la sunaisma doktrino), interpreto de la sankta teksto ĉiam eblas (ne por la sunaistoj, por kiuj ĝi estis findifinita en la 12a jarcento), la alavita religio povas daŭre evolui. Pro tio ili ankaŭ pli facile akceptas la kulturajn kaj teknikajn novaĵojn, sinteno kiun malestimas la konservema plimulto sunaista.

La ĉefa hodiaŭa diskriminacio originas el ĉirkaŭ la 12a jarcento, de la sunaista pensulo *Abu Hamid al Ghazali*, kiu alvokis al la devo mortigi la alavitojn. Poste, en la 14a jarcento, la sunaista juristo *Ibn Tajmijja* eldonis fatvon (5) alvokante verŝi la alavitan

sangon por plaĉi al Alaho. Ŝajnas ke pluraj armitaj grupoj en Sirio adoras *Ibn Taymijja* kaj aplikas lian fatvon. Cetere ili depostulis sian militon kontraŭ la alavita "herezo" multe antaŭ la ekapero de la Islama Ŝtato. En 2011, en *Homs*, alavitaj kvartaloj estis atakitaj de ĵihadistaj grupoj, tiel ke la armeo devis intermetiĝi por ilin protekti. Ĉirkaŭ *Latakia*, *Homs*, *Hama*, *Adra* kaj en la vilaĝoj ĉirkaŭ Damasko, alavitaj civiloj estis masakritaj pro sia aparteno al tiu komunumo. En aŭgusto 2013, la alavita ŝejko *Badr Ghazali* suferis teologian pridemandadon en Inkvizicia Tribunalo antaŭ ol esti torturita ĝis morto.

Unu plian fojon la alavitoj, kiuj de ĉiam devis kaŝi sin pro sia kredo, troviĝas je malbona momento en malbona loko. Certas, ke ilia sorto dependas de la tempo donita al la prezidento *Al Asad*, kaj iuj signoj ne plu kaŝas anoncitan genocidon. *VG*

**Vidu ankaŭ: "Kien iras Sirio?",**
***Etnismo* no 91, 30.06.213, p. 23 – 25.**

**Fontoj:** *Fabrice Balanche*, *Bahar Kimjongür*, *Mohammed Taleb*, *Cosima Flateau*, *Gudrun Harrer*, *Birgit Cerha* kaj aliaj.
**Fotoj:** *Bahar Kimjongür.*

**Notoj:**

(1) Nuna Antioĥio (NdR).

(2) *Zijara* ankaŭ signifas viziton en la araba.

(3) *Ĵabal Ansarieh* aŭ *Ĵabal an-Nusajria*, *Ĵabal al-`Alawijin*, aŭ ankaŭ *Ĵabal Bahra* estas Siria montaro plilongiganta la nordan parton de Libana Monto. (NdR, el franclingva Vikipedio.)

(4) Oronto, aŭ arabe *Nahr al-Asi*, estas rivero ĉ. 400 km longa. Ĝi fontas en la centra parto de Libano, en la Valo *Bekaa*, kaj poste fluas norden ĝis Sirio. (NdR. El esperantlingva Vikipedio.)

(5) Ĉar tiu ĉi vorto ne troviĝas en PIV, mi kopias kion oni trovas en Vikipedio pri ĝi: «**Fatvo** (فتوى) (skribita eĉ en esperantaj tekstoj ofte *Fatwa* aŭ *Fatwa-o*, laŭ nacilingva modelo, eble plua esperantigo fatvao; plurale laŭ araba prononco: *fatâwâ*, ar:فتاوى) estas islama juĝa ekspertizo, kiu estas eldonita de muftio (specialisto pri islama jurscienco "fikho") pri iu speciala temo.» (NdR).

(6) Raporto pri tiu evento al *HRW* (Observejo de Homaj Rajtoj):
https://www.hrw.org/report/2013/10/10/you-can-still-see-their-blood/executions-indiscriminate-shootings-and-hostage.

# Letero de leganto:

**Noto: ni aperigas tiun tekston senŝanĝe – krom korekto de iuj lingvaj eraroj – kaj senkomente. Se iu volas respondi, interalie la aŭtoro de la koncernata artikolo, estos loko por tio en venonta numero de nia revuo.**

Saluton!

Mi ricevis ***Etnismo***-n no 95, 13an de Julio 2015, kaj tuj komencis legi ĝin.
Estas malĝoje kaj ridinde legi la verkaĵon de la alemano *Andreas Künzli*.
Li skribas ke en Krimeo loĝis ekde la antikveco multaj etnoj kaj popoloj, eĉ iuj mitologiaj. Prave, tiu fakto ne estas novaĵo. Prenu iun (ian) ajn pec(et)on de Eŭropo kaj vi estos trovinta la samon. Fakte, ĉiu Eŭropa lando nuntempe povus pretendi al najbaraj teritorioj. Kaj ja estas tiaj landoj kiuj tiel aŭ alie tion ja "suferas" rekte aŭ kaŝe (mi mem tion observas dum miaj vizitoj Eŭropen).
*Künzli* skribas «…sub ĥazara influo, kiujn la rusa propagando prisilentas». Ridindas tio. Por plimulto da rusianoj estas aliaj pli gravaj aferoj ol diskutadi pri ĥazaroj. Interalie, por tiuj kiuj deziras ricevi informojn el diversaj informiloj estas abundo da ili: interreto(interneto), TV el diversaj landoj en ties naciaj lingvoj (*France24*, germana DW-TV, angla BBC, japana NHK kaj aliaj eksterlandaj,*Euronews* en rusa lingvo, kaj rusiaj opoziciaj tv kaj radio.
Por rusianoj (almenaŭ por mi kaj miaj konatoj) ne estas tiom grava kristanigo de Vladimiro en Korsuno (temas pri la loko, ne pri la signifo de la fakto, bv.ne falsigu (=ne miskomprenigu viajn legantojn). Pli gravas por ni ke okazis kristanigo de la Kieva Rusujo!
Rusia Prezidento *Putin* ne «konstruis la dubindan historian pretendon de Ruslando pri Krimeo, kiam li aneksis ĝin en marto 2014» (interkrampe la vortoj de *Künzli*, la mensogaj vortoj!).
Nenia anekso okazis marte 2014! Krimeo ne estis ordinara Ukrajnia regiono, ĝi ja estis respubliko en Ukrajnio kaj tial do Krimea popolo havis laŭ-leĝan referendumon pri sendependiĝo. Poste jam memstara ŝtato, la lando akceptis decidon aliĝi al la Rusia Federacio.
Ekmemoru modernan historion de Kosovo (Jugoslavio). Ĝuste la okcidentaj landoj kreis precedenton de apartigo de Kosovo el Serbio al tiel nomata sendependa ŝtato.
Ĉu estas la saĝa *Obama*, Usona Prezidento, kiu oficiale deklaris ke en Kosovo kvazaŭ siatempe okazis referendumo, kiu fakte neniam okazis! Eĉ ĵurnalistoj el okcidentaj landoj estis ŝokitaj de la vortoj!

*Sergeo Paĥomov*

*Monique Van Roy*

# Koĝi-indianoj, prizorĝantoj de la "Ter-koro"

En altaj valoj de *Sierra Nevada de Santa Marta*, en Kolombio, meze de unika teritorio - montaro 5 800 metrojn alta, kiu situas je 42 kilometroj for de la Kariba maro, la plej alta pinto apudmara en la mondo - vivas ekde longe la kogi-indianoj (1).

Ili estas la lastaj heredantoj de la *Tayronas*, unu el la plej grandaj etnoj antaŭkolumbaj de la sudamerika kontinento.

Kiom da ili estas por disvolvi sian kulturon? «La etaj fratoj (2) diris, ke ni estas 12 000, sed ĉu oni povas nombri la maizgrajnojn?» (3)

*Sierra Nevada* ofertas tute unikajn kaj diversspecajn klimatojn kaj ekosistemojn. Pli ol al monto ĝi similas al mond-koro de la ter-patrino, kiu transdonis al la kogia popolo moralan kaj spiritan kodon.

«Por ni *Sierra Nevada* ne estas nur teritorio, ĝi estas la koro de la mondo, de la vivo, kiel vivanta korpo», skribis *Miguel Dingula* (kogia ŝamano kaj proparolanto).

«Redoni teron al ĝiaj protektantoj estas kulturi niajn horizontojn», diras *Tchendukua ici et ailleurs,* franca asocio, kiu celas permesi al la kogi-indianoj resti *Kogi* sur siaj teroj. Tiu asocio intencas valorigi la fundamentojn de la kogi-socio: respondeco, ekvilibro, solidareco, atentemo, harmonio (4).

«Kiam vi redonas al ni terenon, vi ne redonas al ni nur grundon por kulturi, ankaŭ vi redonas al ni sakralajn lokojn, kie ni povas fari nian tradician laboron por protekti aĵojn», diras mesaĝo de la kogi-indianoj en januaro 2009.




El Vikimedio.

La tero ne povas esti reduktita al simpla spaco geofizika kun senlima ekspluatado. Temas pri vivanta sistemo, en kiu homo havas tiom da graveco kiom arbo, planto, animalo. Necesas konstante subteni la grandajn ekvilibrojn.

Tio estas la misio de la kogioj.

Por ili perdi sian teron similas al perdi sian kulturon. Por ni estas morto de memoro kaj scio ne anstataŭigebla.

**MVR**




http://www.tchendukua.com/

**Notoj:**

(1) *Kogi* signifas "jaguaro " en la kogia lingvo (NdR).
(2) Etaj fratoj: fremdaj homoj, kiuj ne respektas la teron. Kogioj nomas sin mem la "grandaj fratoj".
(3) *DVD* "*Kogis, le message des derniers hommes* (kogioj, la mesaĝo de la lastaj homoj)"
(4) retejo www.tchendukua.com (en la franca). Tiu asocio estis fondita de *Eric Julien*, li mem foje estis savita de kogioj en la arbaro.

## Bibliografio:


- *Éric Julien*, "*Le chemin des neuf mondes*", *Albin Michel*, (*DVD* kaj libro) 2001 (ISBN 2226128077 kaj 978-2226128072)
- *Éric Julien* kaj *Gentil Cruz*, *Kogis*: "*Le réveil d'une civilisation précolombienne*", *Albin Michel*, 2004 (ISBN 2226154329 kaj 978-2226154323)
- *Éric Julien* (dir.) kaj *Muriel Fifils* (dir.), *Les Indiens kogis*: *La mémoire des possibles*, *Actes Sud*, 2009 (ISBN 978-2-7427-7046-5)
- *Reichel-Dolmatoff*, *Gerardo* (1950–1): *Los kogi: una tribu de la Sierra Nevada de Santa Marta*, 2 vol. Bogoto: *Editorial Iqueima* (*nueva edición* 1985, Bogoto: *Procultura*).
- *Revue National Géografique*, oktobro 2004. Tekstoj de *Stephen Ferry* kaj enkonduko de *Wade Davis*.

# KONCIZE EL ...

**FRANCIO - La Ĉarto pri regionaj kaj minoritataj lingvoj ne estos ratifita.** En sia kampanjo por elektiĝi prezidento de Francio, *François Hollande* promesis ratifon de tiu ĉarto, adoptita de la Konsilio de Eŭropo en 1992 kaj subskribita de Francio en 1999. Sed tiu dokumento postulas ratifon (kun elekto de aplikaj punktoj) por esti valida en iu ŝtato. Kaj, de tiu jaro 1999, politikistoj kaj instancoj diverspartiaj trovas kialojn por ne okazigi ratifon de Francio. Sekvante negativan (sed nur konsultan) opinion de la Ŝtata Konsilantaro lastaŭguste, la senato, en sia kunveno de la 27a de oktobro, forĵetis la ratifan proponon de la nacia asembleo (deputitoj). Por esti efektiva, tiu ratifo devus esti akceptita de almenaŭ du trionoj de la parlamentanoj (deputitoj kaj senatanoj kune), kio nuntempe ne eblas. Aldone, la novembraj atencoj en Parizo kreis tute novan, tre naciisman, por ne diri kontraŭdemokratian etoson, treege favoratan interalie de la ĉefministro *Valls*. Oni do plej verŝajne devos atendi longe por trovi pli favorajn cirkonstancojn. Kio faras, ke Francio troviĝas inter la plej postrestintaj landoj tiurilate. *Alain Favre*

**LASTE APERIS… -** La eŭska verkisto kaj tradukisto *Aitor Arana* kreis la porinfanan kolekton “Lunlumo” kiu enhavos entute 17 porinfanajn librojn tradukitajn de *Aitor Arana* mem el la eŭska al esperanto.

Por krei tiun kolekton oni starigis jenan demandon al fakuloj: Kiuj estas la plej bonkvalitaj porinfanaj libroj de la eŭsklingva literaturo?

Ĝis nun oni aperigis kvin librojn: “Knabo en Marso” de *Iñaki Zubeldia*, “Ĉapulo la fantomo” de *Mariasun Landa*, “Klauda kaj la rivera sekreto” de *Aitor Arana* mem, “Kiel korekti instruistinon”, “Mi loĝas en du domoj” de *Miren Agur Meabe* kaj “*Usoa* venis fluge” kaj “Sola kaj senvosta” de *Patxi Zubizarreta*.

Ĉi tiu lasta libro de *Patxi Zubizarreta* kiu enhavas du rakontojn ĉijare ricevis la premion de UEA, *Infanlibro de la Jaro* 2015, kiel rekompenso al la plej bona ĉijara infanlibro verkita en esperanto aŭ tradukita al ĝi. *Xabier Rico Iturriotz*




**VORTARO EŬSKA-ESPERANTO -** La eŭsklingva verkisto kaj esperantisto *Aitor Arana* ĵus eldonis la vortaron Eŭska-Esperanto/ Esperanto-Eŭska. Li finpretigis ĝin post pli ol dudekjara laboro. Ĝi enhavas pli ol 20 000 eŭskajn kapvortojn kaj pli ol 28 000 eŭskajn sencojn. Inverse ĝi enhavas preskaŭ 20 000 esperantajn kapvortojn kaj pli ol 22 700 esperantajn sencojn. La ĉefa kunlaboranto de *Aitor Arana* estis la nederlanda esperantisto kaj eŭsklingvano *Wim Jansen*. (Vidu paĝon 24)

*Xabier Rico Iturriotz*




**KORSIKO - Historia venko de la naciistoj.** La teritoriaj balotoj okazis en Korsiko samtempe kiel la regionaj voĉdonadoj en la kontinenta Francio, tio estas la 6a kaj 13a de decembro 2015. Post la unua balotado, *Femu a Corsica* (“Ni faru Korsikon”, aŭtonomistoj) kaj *Corsica Libera* (“Libera Korsiko”, sendependistoj) atingis respektive 17,62% kaj 7,72% de la esprimitaj voĉoj. Por la sekvanta balotado la du listoj kuniĝis sub la nomo *Pè a Corsica* (“Por Korsiko”). Entute estis kvar listoj en tiu dua balotado, kaj *Pè a Corsica* ricevis 35,34% de la esprimitaj voĉoj, tiel ĝi fariĝis la unua. La sekva listo (maldekstruloj) atingis 7% malpli. Tial *Gilles Simeoni* (*Femu a Corsica*) iĝis prezidanto de la ekzekutivo (registaro) kaj *Jean Guy Talamoni* (*Corsica Libera*) de la teritoria asembleo. Tiu lasta malfermis la unuan kunvenon de la asembleo en la korsika lingvo, kio skandalis multajn franciajn politikistojn (vidu supre, sampaĝe). Tio furiozigis ankaŭ parizajn intelektulojn, por kiuj paroli publike la korsikan en Korsiko ŝajnas obscena afero. Sed baldaŭ alvenos la veraj malfacilaĵoj en insulo, kie ekonomio ofte estas en la manoj de “klanoj”, por ne diri mafioj, plejofte apogataj de la tradiciaj partioj franciaj. Kaj plejverŝajne la pariza registaro faros ĉion eblan – oficiale kaj ne - por “ponardi” la novan stabon kaj reenpovigi (politike) pli kontroleblajn homojn. Aliflanke naciistoj mem devos klopodi bone interkonsenti en tiu malfacila tasko regi insulon, en kiu iliaj diversaj tendencoj tro ofte batalis unu kontraŭ la alia dum la kvindeko da jaroj, kiuj antaŭis tiun unuan komunan venkon. Espereble la deeksteraj atakoj, kiuj jam komenciĝis okaze de strangaj “rasismaj” tumultoj, fortikigos la kunigon de tiuj multjaraj aktivuloj abrupte troviĝantaj antaŭ gravaj kaj konkretaj respondecoj. *Alain Favre*



**INFORMILO 76**
**Internacia komitato por Etnaj Liberecoj,**
**Honora prezidanto:**
*Uwe Joachim Moritz*

## La retejo www.etnismo.org

Ĝi pli kaj pli ampleksiĝas, ĉefe per malnovaj numeroj de ***Etnismo*** - estas ankaŭ iu ĵusa por doni ekzemplon de la nuna aspekto de tiu publikigaĵo, sed ni principe planas enretigi nian revuon ĝis antaŭ kelkaj jaroj, por konservi la gravecon de la papera versio. Tiom longe, kiom ĝi povos ekzisti.

La rubriko "Laste aperis – Laste okazis !" nun funkcias. Vi povas ĝin konsulti post klakado al la Esperanto-lingvo. Ĝi aperas ruĝkolore sub la aliaj rubrikoj. Tie ni deziras koncize publikigi aktualajn novaĵojn pri etnoj en la mondo. Viaj anoncoj estas bonvenaj. Por ilin sendi al ni sufiĉas, ke vi alklaku la rubrikon "Estraro" kaj sube "Kontaktoj kun la estraro de IKEL".

### NIA AGADO EN LILLO – 100A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

La 25an de julio okazis la jam tradicia Movada Foiro, en kiu ni disponis taŭgan lokon por informi pri nia asocio, unu inter la treege multaj en tiu grandamasa kongreso. Tamen svarmis la interesiĝantoj kaj akirantoj de malnovaj numeroj, kio montras la gravecon de tia ĉeesto. Kaj estis ankaŭ unika okazo por retrovi (eks)membrojn kaj amikojn.
Pluraj el niaj membroj, ankaŭ estraranoj, kunvenis dum unu horeto la sekvan ĵaŭdon (precize la 30an de julio). Temis pri oficiala membro-kunveno, en kiu partoprenis malpli ol dek membroj sed multe pli da interesiĝantoj, el kiuj kelkaj aliĝis. La aga kaj financa raportoj estis unuanime akceptitaj, la estraranoj (kies nomoj troveblas sur la dua paĝo) estis unuanime elektitaj. Ni profitis la okazon por pli bone klarigi, kio estas etnismo. *Stefano Keller*, estrano de UEA, montris la kongruon de la celoj de IKEL kun tiuj de UEA mem.
Fine *Hilary Chapman* parolis pri la etna situacio en Kimrio. Ni volintus aldoni plian horon por elvoki la flandran en Francio kaj la pikardan, sed malgraŭ niaj plurmonataj klopodoj tiu plano ne povis efektiviĝi pro manko aŭ nedisponeblo de preleguntoj. Fakte la posta (kaj ne formala) kunveno okazis en unu el la agrablaj trinkejoj de la kongresejo.

### IKEL-ANOJ EN UN (ĜENEVO)

La 24-25ajn de novembro okazis en la ĝeneva sidejo de Unuiĝintaj Nacioj forumo pri minoritatoj. *Nicole Margot* kaj *Alain Favre* partoprenis en ĝi apoge al *Stefano Keller*, estrarano de UEA, kiu prezentis deklaron, en kiu li interalie diris :
«Nia asocio [UEA] kaj la esperantoparolantoj tutmonde agas subtene al la rajto de ĉiu pri uzo de sia gepatra lingvo en rilato kun oficejoj naciaj aŭ lokaj, samkiel en lernejoj. Lingva barilo povas malebligi al minoritatanoj la adekvatan sinesprimon kaj tiel la defendon aŭ la realigon de sia rajto je justa prijuĝo. Universala Esperanto-Asocio, en oficialaj rilatoj kun UN kaj Unesko, defendas la lingvajn rajtojn de minoritatoj kaj indiĝenaj popoloj. Ni proponas Esperanton, la vivantan interetnan lingvon, kiu estas politike neŭtrala kaj facile lernebla komunikilo, efika kaj vere internacia.»

Tiu forumo ebligis ekkoni situaciojn tute ne traktatajn en plej multaj amaskomunikiloj, kiel ekzemple tiujn de la azeroj en Irano, de la nemalofte sklavigitaj nigruloj de Maŭritanio, de la blankaj farmistoj afrikansaj de Sudafriko... Foje reprezentantoj de la koncernata lando respondis, foje ili preferis ignori la akuzojn. Kvankam esperantistoj povas aspekti iom idealoplenaj, eble ŝvebemaj meze de tre konkretaj problemoj, tia forumo ebligas montri, ke ni ekzistas kaj povas kontribui al pli justa mondo. Kiel IKELanoj, ni ankaŭ havas okazon krei aŭ flegi rilatojn cele al prezento de etnoj en malfacila situacio kaj sekvi, diskonigi kaj eĉ apogi ilian lukton pere de niaj modestaj rimedoj.

*Alain Favre*




**De maldekstre:** ***Alain Favre, Nicole Margot, Stefano Keller.***

**Ĵus eldonita**

**EŬSKA – ESPERANTA**

**ESPERANTA - EŬSKA**

# VORTARO

**Aitor Arana**

20.266 eŭskaj kapvortoj

28162 eŭskaj sencoj

19.895 esperantaj kapvortoj

*22.793 esperantaj sencoj*

Eldonata de Eŭska Esperanto-Asocio

**Mendebla ĉe:**

- Eŭska Esperanto-Asocio: xabirico@outlook.com
- Libroservo de UEA

*Prezo: 35 € + afrankoj*



